# PENSEO

N-ro 239

sept. / 2011

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 22-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Josip Pleadin (Kroatujo)



### TIMO DUM ŜTORMA NOKTO

La tutan nokton ventego bruis ĉedome.
Obsede ĝi batis ŝutrojn kaj tegmentumis.
Ĝi lupe hurlis, galopis kaj pordojn skuis,
martelis blove, freneze puŝis kaj zumis.

En domo regis kvieto kaj granda timo.
Okuloj gape plonĝis tra obskuro kiu
plaŭde velis kaj ondis de subo ĝis supro.
Nur eta strio da lumo rampis sur pavimo.

### SAPFO

Sapfo kantas ekstaze super Lesbo
en la lingvo eola. Himna trilo!
Virte soras kantado al la glora
helena brilo.

Bukla lesba knabino virge pura,
gapas fide al nubo - blanka giso.
Vibras takte animo pro la softa
virina kiso.



## Kimmie Pinguin (Belgujo)



### Nokto eterna

Ĉe la tagiĝo mi finfine dormis
Dum la nokto mi estis for
Kaj fajfis pri gravaj aferoj
Kiel haroj, kaj dentoj kaj kor'

Mi ja scias ke mi estas amebla
Sed neniu min helpi povas plu
Eĉ vi ne povas, kara mia
Mi devas fari ĝin mem, ĉu?

Sed mi ja estas terurita persono
Mi ŝajnas perfekta se tiel mi rolas
Sed se mi treege ŝajnas for
Amu, kaj faru kion vi volas...



### Mi ne respirus plu

Kara grizkolora ĉielo,
Ĉu vi volas teni min?
Kien fluas lakto kaj mielo
Rapidu nun, mi petas vin

Savu min de malplenaĵo

Mi tiel petas ke vi min gvidu
Al aŭdo de via vizaĝo
Kaj vian voĉ' mi vidu

Ĉu vi jam vidis amikojn miajn?
Kaj ĉu vi jam diris ilin ke mi amas ilin?
Ke ni ne parolos plu unu la aliajn
Ĉar mort' post nelonge kunportos min...?



## Roseha (Francujo)

### Korsaro

*Jen estas nur virina rigardo al Dunkirka korsaro. Se vi deziras pli bone renkonti lin, legu (aŭ relegu) la belegan libron el Jacques Duquesne "Jean Bart".*

Mi ŝatas promenadi
Matene, ĝis la placo
De la urba centro.
Tie, staras, la statuo de Jan Bart.
Ĉiufoje mi levas
La nazon,
Por admiri la belan
Mariston. « Reĝa Korsaro »,
Tra la maroj, li rajdadis
Dum sia tuta vivo.
Sur diversaj kaperŝipoj,
Li alfrontis la anglojn,
La Nederlandajn korsarojn,
Inter aliaj….
Je la deksepa jarcento,
En Dunkirko, li naskiĝis.
Li ripozas por ĉiam, tie-ĉi.
Sed, oni ne forgesas.
Cetere la Dunkirkanoj ,
Dum la fama karnavalo,
Kunkantadas plenpulme :
« Ni estas la infanoj de Jan Bart.
Gaje viglaj ni estas ! »….
Mi imagas la mariston tra la
senkatenaj ondoj
Grizaj, verdaj aŭ bluaj.
Li batalas sen tremi, sen timi.
Tamen, mi ja preferas bildigi
Al mi aliajn imaĝojn.
…..Kiam, fine okazas
La Dunkirka haltejo,
Tiam li trinkas ĝoje
En havena taverno.
Tie, li sidas ridante.
Li rakontas kaj ŝercadas
Tra la fumo de pipoj,
La bruoj de bierkruĉoj,
Ĝis malfrue en la nokto.
Eble, kun siaj kunuloj, li kantas !
…..Kiam tagiĝo ruĝiĝos
Tra kelkaj ĉifaj puntoj,
Li premos en siaj brakoj
La karulinon sian….



## Vitor Mendes (Brazilo)






(kantteksto)

Ŝi, pri kiu ne eblas forges'
Font' de plezur' kaj pent' sen ĉes'
Mia trezor', aŭ ja por mi

Tre kosta prez'

Ŝi, ĉu la somermuzika em'?
Ĉu la aŭtuna frostotrem'?
Ĉu centaj malsamaĵoj en
Nur unu tag'? tuta frenez'

Ŝi ĉu belulin' aŭ rabobest'?
Ĉu la malsat' aŭ ĉu la fest'?
La voj' al la ĉiel'
Aŭ voj' al la infer'

Ŝi por miaj revoj la spegul'
Reflekt' de rid' en akvorul'
Eble ne estas tiel ŝi
Laŭ ŝajnas ver'

Ŝi por ĉiuj en feliĉa aspekt'
Kun al sukses' l' okuloj en direkt'
Okuloj ne videbla
En la plor'

Ŝi eble la am' zorgenda sen esper'
Venas al mi de pasinta aer'
Kaj ĝin memoros mi
Por ĉiam for'

Ŝi ĉu estas mia viv' motiv'?
Ĉu la kial' de mia viv'?
Preokupiga in', ĉe l' sun' aŭ pluv'por mi

Ŝi rid' kaj plor' mi igos en'
Memorigaĵojn por la plen'
De mia viv' kun emoci'
Ja mia vivo estas ŝi, ŝi , ŝi

## Chico Buarque de Hollanda*

# Tropika fado

De ĉi fado inspiro, vi ĝentila patri',
vin lasas kun korŝiro en ĉi aprilo mi.
Al foririnto penson malŝparu ne, pro am'
al vi en ĝangaldenson li perdiĝis, sed ne l'
flam'.
Ekbrilas jam ĉi landa ideal' ho super ni,
la sonĝ' iam fariĝi enorma Portugali'.
[deklamado]
Ĉu mi seneskape ne estu sentimentala...
Ĉiuj el ni heredis el luzitana sango
konsiderindan dozon da lirikismo, krom
sifilison, memkompreneble.
Eĉ kiam miaj manoj sin okupas
je torturado, strangolado, kruela murdado
mia kor' fermas al si l' okulojn,
kaj nekonsoleble ploras.
.
Ĝangal' najtingaltrila, ĉe palmoj rosmaren',
likvor' en kruĉ' argila, vin' el tropika gen'.
Kaj sorĉa mulatin' kun alenteĵa punt'
instigas kun fascin' al nura kis' sur frunt'.
Ekbrilas jam ĉi landa ideal' ho super ni,
la sonĝ' iam fariĝi enorma Portugali'.
[deklamado]
Tiel serene mia kor' fasonas,
kaj lerte l' manoj haste krude-frapas,
ke, fuŝaginte, ree mi rezonas
ĉu tiu estis mi, kaj mi hontgapas.
Se diste de l' brust' la manojn mi tenas
temas, ke, tuj al gest', kap' ne kongruas,
kaj se l' koron ĉe l' manoj mi retenas
incestimpres' interne laŭte huas.
Kiam en varmo de lukto mi estas
akra tenil' ĉe l' man' staras alprue,
sed mia brust' jam ŝiras tutsenskue.
Kaj se l' verdikt' sin brute manifestas
blinde l' mano hast-ekzekute gestas,
male el kor' pardon' ekas egflue.
.
Gitar', akordion', jasmen', palmoj ĉe fontoj,
sardinoj, maniok' sur plaĉa azuleĥ'.
Rivero Amazon' en kur' tra Trans-la-Montoj
en kreska pororok' al Taĵ' iras kun eĥ'.
Ekbrilas jam ĉi landa ideal' ho super ni,
la ŝong' iam fariĝi enorma Portugali'.
Ekbrilas jam ĉi landa ideal' ho super ni,
la ŝong' iam fariĝi kolonia imperi'.

**Glosaro:**

*Trans-la-Montoj: Trás-os-Montes, regiono nordoriente de Portugalio.*

*Taĵo [aŭ Taĥo] rivero eŭropa kiu en portugala teritorio nomiĝas Tejo (pron. Teĵu)*

*Alenteĵo: transliterigo por Alentejo, la plej granda regiono de Portugalio.*

*Pororoko: enkorpigita en la portugalan el la tupia [brazil-india trunklingvo] por fenomeno el rekontiĝo de la akvoj de rivero Amazono kun tiuj de la Atlantika Oceano.*

*Fado (en kelkaj vortaroj 'faduo'): nomo de portugala universale konata stilo kanti.*



**Chico Buarque de Hollanda, krom konata brazila komponisto kaj kantisto, ankaŭ estas novelisto. Tematan kanton li verkis, kune kun mozambika Ruy Guerra, dum brazila diktaturperiodo (en la 1960-aj jaroj) Kun alta poezieco (instige interplektante trajtaron de du samlingvaj landoj) la teksto samtempe mokas tiaman reĝimon politikan de ambaŭ Portugalio kaj Brazilo mem. (Jes la komponisto pro sia engaĝiĝo dum certa tempo devis ekziliĝi)*

*Elportugaligis*



**Ŭel (Brazilo)**



## Wisława Szymborska



# LA FINO KAJ LA KOMENCO

Post ĉiu milito
iu devas purigi.
Iom da ordo, fine,
mem ne fariĝos.

Iu devas puŝi la rubojn
ĉe la stratbordojn,
por ke povu pasi
kadavro-plenaj ĉaroj.

Iu devas profundiĝi
en ŝlimo kaj cindro,
en sof-risortoj,
vitro-splitoj
kaj sangaj ĉifonoj.

Iu devas altreni trabon,
por subteni muron,
iu alia vitrumi fenestron
kaj sidigi pordon sur ĉarnirojn.

Ĉi tie neni' fotindas
kaj jarojn postulas.
La kameraoj jam trovis
alian militon.

Rekonstruendas la pontoj
kaj la stacidomoj.
Ĉifoniĝas la manikoj
pro supren-volvado.

Iu, balail’- enmane
ankoraŭ primemoras kiel estis,
iu aŭskultas
jesante per ne dehakita kapo.

Sed baldaŭ, proksime
komencos vagi tiuj,
kiuj enuos pri ĉio.

De tempo al tempo iu
elfosos de sub arbusto
argumentojn divoritaj de l’ rusto
kaj forĵetos ilin en rubamason.

Tiuj, kiuj sciis,
pri kio temis ĉi tie,
devas cedi la lokon al tiuj,
kiuj malmulte scias
,kaj eĉ malpli de malmulte
kaj finfine nenion.

Sur herbo, kiu kovris
la kaŭzojn kaj rezultojn,
iu devas sterniĝi
kun spigo inter dentoj,
gvatante la nubojn.

*Esperantigis*



## Helena Tylipska (Italio)



## Blazio VAHA (Hungarujo)



# Ŝi diras: Esperanto plaĉas.

Ŝi diras: Esperanto plaĉas.
Li diras: Esperanto aĉas.
Ili - Esperante klaĉas,
kelkaj - ĉiun vorton maĉas.
Al vi ne plaĉas io - ĉesu!
Se plaĉas tio, do - progresu!
Vi estas ano, sed libera,
eble, en homar' mizera.
provizore aŭ ĉu ĉiam?
Tamen, ni progresu iam.



## Paŭlo Sena (Brazilo)



# REVEMA SUNFLORO

Sur la dors’ antikva de dormanta drako
Kreskis flaviĝinta bela sunfloro.
Salan ŝviton havis ĝi anstataŭ akvo
Kun venena varmo kaj vaporo.

Ĉar la monstra naz’ elblovis l’ ardon,
Ardema ventflu’ ĝin ĉirkaŭvolvis.
Formon tig’ akiris kvazaŭ arko:
Ĉirkaŭ si moviĝi ĝi ne povis.

Multe da suferoj sur la draka dorso!
Sen poetaj laŭdoj de la bardo...
Sun’ al ĝi ne venis pro l’ izolo:

Estis ĝi sen sia adorata *Astro*.

Sed al cel’ eliĝis la kreskaĵo:
Celis surterigi l’ drakon poreterne.
*“Sem’ al l’ estonteca fina paco*
*Iĝos mi, sunflor’, sur-tuta-tere.”*

*Ho, kompatinda flor’ sen ajna suno!*
*Kion vi faras sur la dorna draka dorso?*
*Ĉu vi daŭre serĉas sunan lumon?*
*Luktante kontraŭ plurkaŭza kaoso?*



## SOPIRO AL PLENA PACO

Sidas alte sur la luna surfaco
L’ ontaj revoj de l’ milita penso.
Iĝas laŭta laŭd’ al tia mondaĉo,
Mondan pacon anstataŭas scienco.

Ega lukt’ en sangsoifa aŭdaco.
Jen konvena sinpravig’ al menso.
Morton kaŭzas iu simpla malplaĉo.
Homon kaptas ĉi malbona tendenco.

Land’ al landoj minacojn alĵetas*!*
Detruante jarmilajn kulturojn*!*
Vidu la solan ruinon, kiu restas...

Vidu l’ silenton de l’ potencaj gravuloj*!*
Kiu ĉesigos l’ abomenan armilon?
Ploru kaj ĝemu*!* — Ni nur havas sopiron…



## Georges Moustaki (1934-)



## La fremdul'

(kanzonteksto)
Kun vizaĝ’ mia de fremdul'
Greka paŝtist', eterna Jud'
Kun harar' mia en la vent'
Helblua estas la okul'
Ĉiam aspektas mi revul'
Elrevigita en real'
Kun mia mano de ŝtelist'
De vagantul', de muzikist'
Mi ofte rabis en ĝarden'
Multege trinkis mia buŝ'
Kisis kaj mordis mia dent'
Ĝis la malsat' nenia venk'.

Kun vizaĝ' mia de fremdul'
Greka paŝtist', eterna Jud'
Eta ŝtelist' kaj vagabond'
Multe sin banis mia haŭt'
En la somera varma sun'
En lito dolĉa de fraŭlin'.
Mirinde sciis mia kor'
Tro suferigi post dolor'
Sed ĉio sen revoluci'.
Sen ia sav' por la anim' :
Nek ia ŝanc' al paradiz'
Kaj eĉ ne al purgatori'.

Kun vizaĝ' mia de fremdul'
Greka paŝtist', eterna Jud'
Kun harar' mia en la vent'

Mi venos, dolĉa kaptitin'
Vivplena font', ĝemelanim'
Kaj trinkos je via junec',
Ja estos mi via revul'
Aŭ via princ', adoleskul'
Laŭ via plaĉ' elektos vi
El ĉiu tago faros ni
Tutan eternecon da am'
Kiun ĝis morti vivos ni.

El ĉiu tago faros ni
Tutan eternecon da am'
Kiun ĝis morti vivos ni...

*Elfrancigis*



## Michel Dereyger (Francujo)



# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinio)



## Ĉineska feino en nordo

okaze de la naskiĝtago de Cindy Mckee (2011)

—laŭ ĉineska skemo Queqiaoxian*

I.

en la nordo
vi disverŝas
abele kun fervor'
semojn de ĉin-poemoj
la muzon
vekas el kor'

en nubaro
aŭ en montoj
por peniga labor'
vi fosas, akvumas kaj
kultivas
en ĉiu hor'

II.

spite al vent'
al pluvego
kaj eĉ al tempesto
vi zorgeme protektas
plantidojn
de molesto

venas rikolt'
de poezi'
por fina investo
vi ŝvitas sin pretigi
sincere
por la festo

**Queqiaoxian (feino sur piga ponto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 6 versoj de 446, 734 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xxa (x=senrima)*

## Helena, pli juna

okaze de ŝia naskiĝtago 2011

—laŭ ĉineska skemo Jiangnanchun*

Ho, kara
Helena,
mi gratulas vin
per versoj benaj
ĉineskaj plenaj je am'
ĉe ĉi moment' solena.

Ankoraŭ
kun fervor'

vi tradukas kaj
versas per la kor'
por nia kara lingvo
kaj diligenta labor'.

Pli sana
kaj juna
mi deziru vin
kun ardo suna.
Ni penu persisteme
por l' afero komuna.

**Jiangnanchun (printempo sude de rivero): ĉina fiksforma poemo el 6 versoj de 33,55,77 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*



## Mandio (Ĉinio)

### Soifo

—laŭ ĉineska skemo Dekses-Silabo*

Sun'
bakadas kun arda lum'
senĉese
tre longe ĝis nun.

Vent'
ne ekblovas en silent'
longtempe
sen ajna ostent'.

Roj'
ne plu fluadas kun ĝoj'
pro manko
de akv' en ĉi foj'.

Ter'
jam sekiĝis en mizer'
krevante
sub varma sever'.

Hom'
sopiras al pluva gnom'
peteme
por akva elvom'.

Ho,
naturo jam agas tro.
Homa mond',
kion fari do?



## Cindy Mckee (Usono)



### Gutotrafo apud malplena puto

—laŭ ĉineska skemo Dekses-silabo*

Jam
verdaĵoj vivis kiam
viveblis.
Ni manĝis tiam.

Eĉ
se pluvus, pluvus sur feĉ'
praviva
en alputa streĉ'.

Ne.
Tro malfruas post malkre'.
Ne eblas,
pluvo sur pase'.

*alputa = al + puto. Ni streĉas nin por atingi akvon en puto.*

**Dekses-Silabo (Shiliuziling): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*



## Sero (Ĉinio)

### Sopire al mia floro

—laŭ ĉinesko Changxiangsi*
mia flor'
en la for'
ĉiam restas en la kor'
jen je ĉiu hor'

mia flor'
en sunglor'
sane kreskas kun fervor'
en bunta kolor'



## Niuniu (Ĉinio)

### En kamparo

—laŭ ĉineska skemo Changxiangsi*
aero
kaj tero
tre freŝaj kun sukero
vera prefero
vespero
ĥimero
jen sen viva severo
kora leĝero

## Cindy Mckee (Usono)

### Impreso de observanto

—laŭ ĉinesko Changxiangsi*
Sukceso
sen ĉeso
dum la ĵusa kongreso,
per ĉies jeso.

Forgeso
je preso
aŭ mirinda progreso,
mia impreso.

**Changxiangsi (longa sopiro): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 3, 3, 7, 5 silaboj kun kontinua rimo.*



## Cindy Mckee (Usono)

### Herbo

—laŭ ĉineska skemo Wanghaichao*
Ŝi stultumas,
tiu floro.
Aspekto modera,
apudanta,
plensatiĝus.
Ĝi, rekte sincera,
plate papera,
ruligas roson,
kiu, sfera,
premas tiun
de beleco ekstera.

Larĝeco supera
ŝrumpas dum pluvo
virvetera.
Estu rekta
kiel vergo,
fratino surtera.
Estu severa
antaŭ la bombo
atmosfera
pluvos sur la
ludejo biosfera.

## Eto (Ĉinio)

# Larmo de lavendo

—laŭ ĉineska skemo Wanghaichao*

frumatene
la lavendo
bela kaj mistera
sub la pezo
de roseroj
kiel larmo vera
vento libera
faligas larmon
de mizera
ŝia sperto
de am' senkonsidera

ŝi ne plu fiera
kun trista purpur'
ŝajn-tenera
sian homon
karmemoran
ĉu afer' espera?
la patro tera
ĝin klare konas
ha, sincera
vi lavendo
stultu kun kor' sukera

**Wanghaichao (rigardo al martajdo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 446, 446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x = senrima)*

## Maupassant (1850-1893)



# LA TOMBO

La dek-sepan de julio mil okcent okdek tri, je la duono post la dua matene, la gardisto de la tombejo de Béziers [Bezje], kiu loĝis en malgranda ĝardendomo ĉe la ekstremaĵo de la kampo de la gemortintoj, estis vekita de la vebojadoj de sia hundo enfermita en la kuirejo.

Li tuj malsupreniris, kaj vidis ke la besto flaris sub la pordo, bojadante furioze, kiel se iu vagulo ŝtelvagis ĉirkaŭ la domo. Tiam la gardisto Vincento ekprenis sian fusilon, kaj singardeme eliris.

Lia hundo foriris kurante en la direkto al la aleo de la generalo Bonnet [Bone], kaj ĝuste haltis apud la monumento de S-ino Tomũazo. La gardisto, antaŭenirante singardeme, baldaŭ ekvidis malgrandan lumon direkte al la aleo Malordo. Li traŝoviĝis inter la tomboj, kaj estis vida atestanto de abomena ago de profanado.

Viro ĵus elterigis la kadavron de juna virino entombigita antaŭtage, kaj li eltiris ĝin ekster la tombo.

Malgranda kovrebla lanterno, metita sur teramaso, lumigis tiun fian scenon.

La gardisto Vincento, impetinte sur tiun indignindulon, teren renversis lin, ligis al li la manojn, kaj alkondukis lin al la policejo.

Li estis juna advokato de la urbo, riĉa, ŝatata, nomata Kurbatalo.

Li estis juĝita. La prokuroro elvokis la monstrajn agojn de la serĝento Bertrand*, kaj ribeligis la aŭskultantaron.

Tremetoj pro indigno pasis tra la popolamaso. Kiam la magistratano sidiĝis, krioj eksplodis : « Mortigu lin ! Mortigu lin ! » La prezidanto penegis por reestiĝi silento. Poste li prononcis per grava tono :

« Juĝoto, ĉu vi havas ion por diri koncerne vian defendon ? »

Kurbatalo, kiu tute ne volis advokaton, stariĝis. Li estis bela knabo, granda, bruna, kun malkaŝema vizaĝo, energiaj trajtoj, maltimaj okuloj.

Fajfoj ŝprucis de la ĉeestantaro.

Li ne malsereniĝis, kaj ekparolis per voĉo iom obtuza, unue iom mallaŭta, sed kiu iom post iom laŭtiĝis :

"Sinjoro la Prezidanto,

"Sinjoroj la ĵurianoj,

"Malmultajn aferojn mi havas por diri al vi. La virino, kies mi profanis la tombon estis mia amorantino. Mi amis ŝin.

"Mi amis ŝin, tute ne per karna amo, tute ne per simpla kora kaj anima tenereco, sed per absoluta kaj plena amo, per freneza pasio.

"Aŭskultu min :

"Kiam unuafoje mi renkontiĝis kun ŝi, mi sentis, vidante ŝin, strangan sensacon. Tio estis nek miro, nek admiro, tute ne, tio ne estis tiu, kiun oni nomas subita ekamiĝo, sed iu sento de agrablega bonstato, kiel se oni mergus min en mildan banon. Ŝiaj gestoj logis min, ŝia voĉo ĉarmis min, ŝia tuta persono treege plezurigis al mi kiam mi rigardis al ŝi. Ankaŭ ŝajnis al mi, ke mi de longe konis ŝin, ke mi jam vidis ŝin. Ŝi enhavis en ŝi ion de mia spirito.

"Ŝi aperis al mi, kiel respondo al eligita alvoko de mia animo, al tiu konfuza kaj konstanta alvoko, kiun ni ĵetas al la Espero dum la tuta fluo de nia vivo.

Kiam mi iom pli multe konis ŝin, la nura penso revidi ŝin ekscitis min de agrabla kaj profunda tumulto ; la kontakto de ŝia mano en mia mano estis al mi tia ravo, ke antaŭe mi neniam imagis similan, ŝia rideto, en miajn okulojn, verŝis frenezan ĝojegon, emigis min kuri, danci, min disruli surtere.

"Ŝi fariĝis do mia amorantino.

"Ŝi estis pli ol tio, ŝi estis mia vivo mem. Nenion mi plu atendis sur la tero, nenion mi deziris, nenio plie. Nenion mi plu enviis.

"Nu, iun vesperon, dum ni promenis iom pli malproksime laŭlonge de la rivero, la pluvo kaptis nin. Ŝi malvarmumis.

"La postan tagon, ŝi estis trafita de brustinflamo. Unu semajnon poste, ŝi spiris la lastan spiron.

"Dum la daŭro de la agonio, la surprizo, la konsternego malebligis min bone kompreni, bone pripensi.

"Kiam ŝi estis mortinta, la brutala malespero svenigis min tiagrade, ke mi ne plu povis pensi. Mi ploris.

"Dum ĉiuj hororaj fazoj de la entombigo mia akra, furioza doloro, estis ankoraŭ doloro de frenezulo, iu speco de fizika, karna doloro.

"Poste kiam ŝi estis forigita, kiam ŝi estis en la tero, mia spirito subite reiĝis klara, kaj mi travivis tutan sinsekvon de moralaj suferoj, tiel terurajn ke eĉ la amo, kiun ŝi donis al mi estis multekosta je tiu prezo.

"Tiam tiu fiksa ideo eniris en min : « Mi ne plus revidos ŝin. »

Kiam oni pripensas pri tio, dum unu tuta tago, iu demenco ekkaptas vin ! Meditu ! Estaĵo estas tie, kiun vi adoras, unika estaĵo ĉar sur la tuta vasteco de la tero ne ekzistas dua estaĵo, kiu similas al ĝi. Tiu estaĵo sin donis al vi, ĝi kreis kun vi tiun misteran unuecon, kiun oni nomas la Amo. Ĝia okulo ŝajnas al vi pli vasta ol la spaco, pli ĉarma ol la mondo, ĝia luma okulo en kiu ridetas la tenereco. Tiu estaĵo amas vin. Kiam ĝi parolas al vi, ĝia voĉo verŝas abundon da feliĉo.

"Kaj subite ĝi malaperas! Pensu! Ĝi malaperas ne nur por vi, sed ankaŭ por ĉiam. Ĝi estas mortinta. Ĉu vi komprenas tiun vorton ? neniam, neniam, neniam, nenie, tiu estaĵo ne plu ekzistos. Neniam tiu okulo

rigardos ion ; neniam tiu voĉo, neniam sama voĉo, meze ĉiuj homaj voĉoj, ne prononcos sammaniere unu el la vortoj, kiujn ĝi prononcis.

"Neniam iu vizaĝo renaskiĝos simila al ĝia. Neniam, neniam ! Oni konservas la muldilojn de la statuoj ; oni konservas spurojn kiuj refaras objektojn havante la samajn konturojn kaj la samajn kolorojn. Sed tiu korpo kaj tiu vizaĝo, neniam ili reaparos sur la tero. Kaj tamen naskiĝos miloj, milionoj, miliardoj de kreitaĵoj, kaj ankoraŭ plimulte, kaj meze ĉiuj estontaj virinoj, neniam oni denove trovos ŝin. Ĉu tio estas ebla ? Oni freneziĝas, kiam oni pensas pri tio !

"Ŝi ekzistis dum dudek jaroj, ne pli, kaj ŝi malaperis por ĉiam, por ĉiam, por ĉiam ! Ŝi pensis, ŝi ridetis, ŝi amis min. Nenio plue ! La muŝoj kiuj mortis aŭtune apartenas tiom kiom ni al la kreitaĵaro. Nenio plie ! Kaj mi pensis ke ŝia korpo, ŝia freŝa, varma, tiel milda, tiel blanka, tiel bela korpo, putris en la fundo de skatolo sub la tero. Kaj ŝia animo, ŝia penso, ŝia amo, kie ?

"Neniam revidi ŝin ! Neniam revidi ŝin ! La ideo pri tiu putra korpo hantis min, sed tamen eble mi povus ankoraŭ rekoni ŝin. Kaj mi volis, ankoraŭ unufoje, rigardi ŝin !

"Mi foriris kun unu ŝpato, unu lanterno, unu martelo. Mi saltis super la enterigeja muro. Mi retrovis la truon de ŝia tombo, kiu ne estis ankoraŭ plene reŝtopita.

"Mi malŝirmis la ĉerkon, kaj levis tabulon. Abomeninda odoro, la naŭza blovo de la putraĵoj alfluis al mia vizaĝo. Ho ! ŝia parfumita lito per irido !

"Tamen mi malfermis la ĉerkon, kaj enen mi enpenetrigis mian lumigitan lanternon, kaj mi vidis ŝin. Ŝia vizaĝo estis blua, ŝvelaĉa, terura ! Nigra likvaĵo elfluis el ŝia buŝo.

"Ŝi ! Estis ŝi ! Hororo ekkaptis min. Sed mi etendis la brakon, kaj ekprenis ŝiajn harojn por altiri al mi tiun monstran facion !

"Tiam oni arestis min.

"Dum la restanta nokto mi konservis, kiel oni konservas virinan parfumon post ambrakumado, la fetoran odoron de tiu putraĵo, la odoron de mia plejamata !

"Koncerne min, faru kion vi volos.

Stranga silento ŝajnis pezi sur la ĉambrego. Oni ŝajnis ankoraŭ atendi ion. La ĵurianoj izoliĝis por interkonsilii.

Kiam ili revenis post kelkaj minutoj, la akuzito aspektis sen timoj, kaj eĉ sen pensoj.
La prezidanto, kun la laŭkutimaj formuloj, anoncis al li, ke la juĝistoj deklaris lin senkulpa.

Li ne faris geston, kaj la publiko aplaŭdis.

*La 29an de julio 1884*

**François Bertrand [Francisko Bertrando], kromnomata la "nekrofilia serĝento" aŭ la "vampiro de Montparnasse", estis serĝento de la franca armeo, konata por esti eltombiginta virinajn kadavrojn en pluraj francaj tombejoj, ĉefe en la parizaj tombejoj de Montparnasse kaj Père-Lachaise, antaŭ praktiki sur la kadavroj agojn de nekrofilio kaj kanibalismo. Li estis arestita en junio 1849, aperis antaŭ la milita kortumo, kiu kondamnis lin je unu jaro de malliberejo, por "rompo de fermita loko".*

*Elfancigis*

## Noël Lecomte

## (Francujo)

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊